6a JARO. JUNIO 1914. 8a N° (68)

# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| **Redakcia parto :** | **Administracia parto :** |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## BELGA KRONIKO

Kun granda ĝojo mi salutas la ĵusan fondiĝon de l'*Antverpena Geaktora Grupo,* kies prezidanto kaj reĝisoro estas S-ro J. DE WAEGENAERE (la aklamita Jean-Baptiste de *Bietje*), kaj kies sekretario estas S-ro A. VAN DE VELDE (la Reĝo de *Devo de Reĝo* kaj de *Ginevra,* la Semanto de la *Revuo de la Sepa,* Trielo de *Hejma Paco,* Monne de *Bietje*). Ambaŭ nomitaj estroj de l' nova grupo estas anoj de l'*Antverpena Grupo Esperantista ;* ambaŭ metis ĉiam sian talenton tute sindone je la dispono de la esperantistaj kongresoj ; ambaŭ ankaŭ sin prezentos ĉe la proksima ekzameno pri profesora kapableco.

Por la « débuts » de l' grupo, oni anoncas prezentadon en Antwerpen, kaj brilan teatran feston en iu granda eksterlanda urbo. *Jam de nun niaj geaktoroj sin metas je la dispono de esperantistaj societoj, belgaj aŭ nebelgaj.*

Mi deziras kaj eĉ antaŭdiras al la *Antverpena Geaktora Grupo* grandan, tre grandan sukceson. Por ĉiuj sciigoj oni sin turnu *skribe* al S-ro A. VAN DE VELDE, Willem Linnigstraat, 17[1], Antwerpen.

* * *

Ĵus finiĝis la 6a Belga Kongreso de Esperanto. Kaj mi estas feliĉa, ĉar

La Meĥlena Kongreso
Estis granda sukceso.

Multnombra ĉeesto, brila akcepto en la urbestrarejo, bela ĝenerala kunsido, bonega festmanĝo, tre sukcesinta vesperfesto (precipe *Bietje* naskis sensacion ; cetere F-ino BERTRIJN kaj S-roj DE WAEGENAERE kaj VAN DE VELDE ĝin admirinde ludis), agrabla ekskurso kaj,fine,belega sonorilarkoncerto: nenio mankis. Nia amiko S-ro SCHOOFS, kiu estas unu el la plej agemaj organizintoj de l' Kongreso — oni cetere scias, ke li havas nepran organizan talenton —, verkas nun raporton pri ĝi, kiu aperos en

la proksima numero de *Belga Esperantisto*. Sed ni havas jam la ĝojon presigi en la nuna numero la paroladon diritan de nia amata prezidanto, S-ro WITTERYCK, ĉe la ĝenerala kunsido (vidu paĝon 160). La samideanoj ĝin kun granda intereso legos.

* * *

S-ro VERMANDEL eldonis belan postkarton kun la fotografaĵo de l'kongresanaro de Mechelen. Ĝi estas havebla ĉe li, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen (1 ekz. : 0.15 fr. ; en afrankita koverto : 0.25 fr.)

* * *

Jen la kondiĉoj de l'konkurso pri teatraĵoj, kiun la *Belga Ligo* organizis post propono kaj dank'al la financa apogo de sia respektata prezidanto S-ro WITTERYCK.

La teatraĵoj, verkitaj flandra- aŭ franclingve, devas rilati Esperanton ; ne estas necese, ke ili estu vere *propagandaj* teatraĵoj. Ili devas esti unuaktaj. Oni devas sendi ilin antaŭ la 1a de Januaro 1915 al mi, Minderbroedersrui, 76, Antwerpen, kune kun fermita koverto enhavanta la nomon de la verkinto.

Unua premio de 30 frankoj kaj dua de 20 estos aljuĝataj ; honoraj mencioj estos donataj al la aŭtoroj de ĉiuj interesaj teatraĵoj. Ĉiuj premiitoj ricevos diplomon.

La du plej bonaj verkoj estas ludataj okaze de venonta belga kongreso.

* * *

Okazas nune en Antwerpen ekspozio de *La Nuntempa Virino*, kiu celas montri en bela kadraĵo ĉiujn agadkampojn de la virino. Tiu elmontraĵo admirinde sukcesis, kaj estos sendube multe pli utila al la feminista movado, ol la distranĉado de pentraĵoj, la bruligo de domoj kaj la aliaj nunaj heroaĵoj de la « sufraĝetoj ».

Inter la taskoj, kiuj povas kaj devas interesi la nuntempan virinon, estas la interkomprenigo de la enloĝantoj de l' diversaj nacioj, kaj do la studado kaj la propagando de la helplingvo Esperanto. Du el la organizintinoj de l' ekspozicio, du fratinoj, F-inoj JEANNE kaj ALICE VAN PELT, tre bone komprenis tion : ili iniciatis la starigon de Esperanta fako en la ekspozicio. Sed al kiu sin turni por efektivigi tiun bonegan ideon ? Al kiu, se ne al la plej kompetenta, la plej sindona, la plej... ? sed pluaj adjektivoj ne estas necesaj por pli klare difini tiun, kies nomo la leganto jam diris : F-ino MARIA POSENAER.

La vizitantoj trovas en la tre bone organizita fako klarigajn afiŝojn, kolektojn da propagandaj markoj kaj da ilustritaj poŝtkartoj, gazetojn kaj librojn, portretojn de la tro frue mortinta F-ino GUNZBURG kaj de la esperantistaj aktorinoj, resume ĉion, kio povas doni al ili ideon pri la nuna stato de Esperanto. Je

ilia dispono estas ankaŭ listoj kun la nomoj de l' deligitinoj de la (fondota?) *Ligo de l' Esperantistaj Virinoj* kaj diversaj propagandiloj.

F-inoj VAN PELT kaj POSENAER indas la dankon de ĉiuj samideanoj.

D-ro W. VAN DER BIEST.

**BRUSSEL.** — La informoficejo de Brussel, Passage du Nord, 19, presas sur ĉiuj siaj prospektoj kaj presaĵoj: *Senpaga Esperanta Informoficejo*. Ni do konsilas al nia samideanaro peti ĉiujn informojn pri Brussel kaj ĉirkaŭaĵoj pere de tiu oficejo, kaj okaze viziti la estron, kiu estas tute je ilia dispono ĉiujn tagojn de la semajno, krom la dimanĉoj kaj festotagoj. Baldaŭ aperos ĉe tiu informoficejo gvidlibreto kun Esperantaj informoj. AVO.

**GENT.** — Dimanĉon, la 3an de Majo, okazis en nia grupa sidejo ekzameno pri profesora kapableco. 12 gekandidatoj partoprenis ĝin, inter kiuj 8 el niaj geanoj; ili ĉiuj tre kontentige akiris la diplomon pri profesora kapableco. Estas F-inoj ARICKX, DE CLERCQ, VAN HYFTE, kaj S-roj BUYCK, MAST, SNISSAERT, VARENDONCK kaj VERMANDERE.

Ni prezentas niajn korajn kaj sincerajn gratulojn al la novaj gediplomitoj kaj ni esperas, ke siavice ili organizos Esperantajn kursojn dum la venonta vintro. Ni ne povas preterlasi danki nian simpatian prezidanton, S-ron SEBRUYNS, kiu tiel lerte kaj sindoneme gvidis la superan kurson kaj preparis la kandidatojn por la ekzameno. Li povas fieri pro la atingita rezulto! Sed io nedireble lin ĝojigis: tuj post la ekzameno la novaj geprofesoroj, dankinte lin, petis, ke li bonvolu daŭrigi la superan kurson. Kompreneble nia prezidanto akceptis kun la plej granda plezuro, kaj nun estas vera regalo ĉeesti ĉiulunde tiun interesegan kurson gvidatan de tiel klera profesoro kaj ĉeestatan de tiel lerta anaro.

Vere, kiam ni ĵetas rigardon malantaŭen kaj mezuras la efektivigitan vojon, ni povas esti fieraj. Dank' al la vera esperantista sento, kiu regas inter niaj grupanoj, ne mirige estas, ke nia grupo kalkulas tiom da fervoruloj kaj sindonemuloj! Kun tia geanaro, ni povas ĉion entrepreni sen timo! KORUS.

**LIER.** — La 30an de Aprilo la kasisto de la *Liera Stelo*, S-ro DE BECKER-VAN LEEMPUT, festis la 25an datrevenon de sia edzeco. La membroj de la grupo ĝojas pro tio, ĉar ĉiuj familianoj de nia kasisto estas fervoraj esperantistoj. Tial, estimataj geedzoj, en la nomo de ĉiuj viaj fidelaj kunmembroj, mi gratulas vin tutkore! L. STELANO.

**St GILLES** (Brussel). — Tiu komunumo estas jam de longe famkonata pro sia publika instruado, kaj ĝi ŝuldas tion al sia agema kaj tre eminenta skabeno S-ro advokato MORICHAR. Ekzistas tie vesperaj gesinjoraj kursoj por la franca, la flandra, angla, germana, itala, hispana lingvoj, por stenografado, komerco, matematiko, k. t. p. La enloĝantoj de tiu komunumo nur pagas 1 frankon por ĉiu kurso, kies daŭro estas 4 monatoj. La gelernantoj, kiuj estas farintaj tre seriozan ekzamenon antaŭ grava juĝantaro, akiras ateston pri kapableco, kaj ili ankaŭ rajtas diversajn premiojn: vojaĝostipendio de 10 ĝis 100 fr.(kiam oni akiras pli ol unu ateston), libroj, kaj, plie, ĉiuj diplomitaj gelernantoj faras opan senpagan, unutagan vojaĝon en Belgujo: la tagmanĝo estas eĉ senpaga!

Jam de du jaroj ekzistas ankaŭ ĉe tiuj diritaj *Cours libres pour adultes*, Esperanta kurso, kies profesorino estas F-ino JENNEN.

La lastan jaron ni konigis la belan rezulton de tiuj esperantistaj gelernantoj. Ankaŭ tiun ĉi jaron kvin gelernantoj brile sukcesis la ekzamenon: ili estas S-ro kaj S-ino TCHIRCOFF, F-ino A. SCHMITT, F-ino G. LARCIER kaj S-ro BLAIRON.

— F-ino JENNEN faras en St Gilles ankaŭ Esperantan kurson por dudeko da Ruĝkrucanoj. IKSO.

# KONGRESO DE MECHELEN

## Parolado farita de S-ro WITTERYCK,

prezidanto de la BELGA LIGO ESPERANTISTA,

dum la ĝenerala kunsido.

*Estimataj Gesamideanoj,*

Mi estas ĉiam feliĉa, kiam mi renkontas geesperantistojn, kaj ju pli multnombraj ili estas, des pli feliĉa tiu renkonto igas min, ĉar esperantistoj estas por mi kvazaŭ familianoj, parencoj — pli karaj ol ordinaraj amikoj — : mi do tutkore ĝojas, tial ke mi staras tie ĉi antaŭ tiel granda aro da bonaj amikoj, kies celo estas la mia ; kaj al ĉiuj mi diras dankon pro ilia ĉeestado kaj tutkoran bonvenon.

Tuj kiam oni proponis Meĥlenon, kiel sidejon de nia sesa Kongreso, la unua penso de ĉiuj belgaj esperantistoj sin turnis al S-ro DESSAIN, la altestimata Estro de tiu ĉi urbo ; oni konfide antaŭvidis agrablajn kaj sukcesplenajn kongrestagojn, ĉar jam de kelkaj jaroj S-ro DESSAIN pruvis al ni sian simpation, akceptante la honoran prezidantecon de la Meĥlena grupo ; do ne estis ebla dubi pri lia bonvolemeco por nia Kongreso ; kaj efektive la Estraro de Meĥleno havigis al ni ĉion, kion ni deziris ricevi de ĝi.

Tiu alta aprobo de niaj klopodoj ĝojigas min, kaj en la nomo de ĉiuj kongresanoj mi dankas la konsilantaron de tiu ĉi urbo kaj precipe ĝian altestimatan Urbestron, Honoran Prezidanton de nia Kongreso.

Direkti societon, organizi kongreson, estas ja kelkfoje nefacila funkcio, sed mi devas konfesi, ke sindonemaj esperantistoj, nur celantaj la sukceson de niaj komunaj klopodoj, ĉiam sinforgeseme helpas min, kaj agrabligas mian taskon.La nuna Kongreso denove pruvis tion, ĉar dank' al la Loka Komitato, dank' al la subtenado de viglaj samideanoj, ni povas diri, ke la Kongreso estas bone preparita. Se mi ne nomas ilin, estas tial ke ili estas tro multnombraj.

Al ĉiuj mi esprimas mian plej sinceran dankon !

Malofte oni ĝuas perfektan feliĉecon... kaj tio ankaŭ nun estas la fakto... Ĉu ne mankas tie ĉi la vigla propagandisto, kiu jam de multaj jaroj sin tute dediĉis al nia entrepreno... amiko de ni ĉiuj, kiu ĉiam ĉeestis niajn kunvenojn... ?

Li estas for... la bonkorulo... la nekompata morto forrabis lin el niaj vicoj...sed en nia koro li konservos eternan lokon... neniam ni forgesos la kuraĝplenan vicprezidanton, kiu estis por ni la bona S-ro RICHARDSON !...

Estimataj Gesamideanoj, ĉu ni povas esti kontentaj pri la agado dum la pasinta jaro ? Mi supozas jes, ĉar ni starigis kvar novajn grupojn,en Lodelinsart, Kortrijk, St-Denys kaj Ledeberg, kaj la starigo de aliaj grupoj estas jam preparita.

Ni ŝuldas plej koran dankon al nia ĝenerala sekretario, S-ro PETIAU, kaj al la bravaj pioniroj, kiuj per sia vigla kunlaborado havigis al ni tiel belan rezulton.

Plie en Gento okazis la tre interesa Esperanto-Semajno, vera internacia Kongreso, kiu certe altiris multajn novajn adeptojn kaj estis tre utila al la jam ekzistantaj esperantistaj grupoj ; tio precipe dank' al la grupoj de Gento kaj de Gentbrugo, kaj al S-ro VERMANDEL el Antverpeno.

Ĉe la internacia ekspozicio ni havis nian fakon, kies lokon ni senpage ricevis, kaj kies ŝrankon ni ŝuldas al la malavareco de la Gentbruga grupo.

Ni sendis regule komunikajojn al proksimume 600 belgaj gazetoj, kaj multaj represigis niajn artikolojn ; tio montras ĉie, ke Esperanto vivadas kaj progresadas.

Tie ĉi mi devas precipe danki F-inojn POSENAER el Antverpeno kaj THOORIS el Brugo, kiuj tre afable helpas min.

Ni ankaŭ sukcesis enkonduki Esperanton en kelkajn sekciojn de la Ruĝa Kruco.

Al tio ni devas aldoni la admirindan sukceson de la ekzameno pri profesora kapableco, kiu okazis la 3an de tiu ĉi monato, kaj la interesan ekspozicion de la « Nuntempa Virino » kiu nun okazas en Antverpeno, kie Esperanto okupas gravan lokon, dank' al F-inoj VAN PELT kaj POSENAER.

Estimataj Gesamideanoj, la jam akiritaj sukcesoj rajtigas nin plenkonfide komenci la novan periodon.

Sed ni ne forgesu, ke nia vivo, nia prosperado, nia fina sukceso dependas ĉefe de nia *unueco*.

Kiam dum 1902 mi havis la ĝojon starigi la Brugan grupon, mi elektis por ĝi kiel devizon : *unueco donas fortecon*.

Kiam dum 1900 oni starigis nian Belgan Ligon, oni ankaŭ alprenis kiel devizon : *unueco donas fortecon*.

Bela devizo, kiu estas ankaŭ tiu, kiun niaj prapatroj praye elektis por nia nacia blazonŝildo.

Ĉu efektive la historio ne pruvas, ke neunueco kondukas al malsukceso ? Kulpe al ĝi nia lando ne sukcesis sin liberigi, kiam dum la jaro 1790 VONCK kaj VAN DER NOOT ne plu interkonsentis ; kulpe al ĝi niaj prapatroj ĝemadis sub la aŭtoritato de fremdaj ŝtatoj ĝis la momento de la unueco. Ne mirinde do estas, ke ili volis honori tiun belan devizon, lasante ĝin al ni kiel multvaloran heredajon.

Kredu min, karaj gesamideanoj, ni devas kiel esperantistoj konstante vivi laŭ tiu devizo ; se ne, ni malhelpos nian komunan laboron.

Ho! de la tempo ke mi estas esperantisto, kiom da fojoj mi devis forlasi miajn proprajn sentojn por la bono de l' komuna laboro!

Mi bone scias, ke tia agmaniero ofte postulas kuraĝon... sed, se en tiuj momentoj oni pensas pri la fino, pri la komuna celo, oni tuj estas rekompencata pro la ofero, kaj poste oni estas des pli feliĉa.

Ĉiu el ni devas sindoneme, sinforgeseme kaj precipe paceme servi la komunan idealon.

La konkordo devas nepre ekzisti inter ni, se ni volas, ke niaj klopodoj ne restu vanaj.

Ĉiu el ni devas uzi ĉiujn personajn rimedojn por diskonigi nian lingvon kaj subteni la propagandon, ekzemple uzi Esperantajn nomkartojn, skribi kelkajn vortojn pri Esperanto, kiam oni korespondas kun amikoj, ĉiam surmeti la verdan stelon, k. t. p.

Ĉiu el ni devas subteni la grupon, al kiu li apartenas, ĉeesti kiel eble plej ofte la kunvenojn, subteni la klopodojn de la komitato, varbi novajn membrojn, k. t. p.

Ĉiu el ni devas subteni la Ligon, ĉeestante la kongresojn, ne forgesante la *Soldon*, varbante novajn membrojn, sendante al mi gazetojn, kiuj enhavas artikolojn favorajn aŭ malfavorajn al nia agado, k. t. p.

Ĉiu el ni devas subteni nian oficialan organon *Belga Esperantisto*; tiu estas necesa kaj plej utila ligilo inter ni ĉiuj; ne sufiĉas aboni ĝin, ni devas rekomendi ĝin kaj komuniki al ĝia redaktoro novaĵojn, kiuj povas interesi la samideanojn.

Sed mi rediras: la konkordo ĉiam devas regi nian armeon, por ke ĉiam ni restu indaj je la bela nomo de pacaj batalantoj, kaj nur tiam ni posedas la fortecon, kiu estas l'apanago de la unueco.

Sed jen grava demando: ĉu por la paco, por la unueco, oni devas toleri ĉion, ĉiam fermi la okulojn kaj la orelojn?

Certe ne! Sed se io ne funkcias laŭ via deziro, mi petas vin, ne agu malafable, klopodu por persone aranĝi la malkonsenton, kaj se vi ne sukcesas, konigu la aferon al la prezidanto de via grupo, se koncernas grupan aferon, aŭ al mi, se koncernas ligan aŭ ĝeneralan aferon; kaj mi kredas — la sperto pruvis tion al mi —, ke preskaŭ ĉiam via deziro estos plenumata je la plej agrabla maniero, kaj sen malhelpo por nia propagando.

Unuvorte ni agu kiel bonaj komercistoj, kiuj klopodas por ĉiam paceme aranĝi la malkonsentojn kun la klientoj, timante perdi ilin, kaj kiuj uzas ĉiujn rimedojn por rekomendi siajn komercaĵojn.

El mia tuta koro mi deziras, ke ni ĉiuj, belgaj esperantistoj, manon en mano, en perfekta interkonsento, marŝu, ĉiam pli fortigitaj, al nia fina celo!

———xxx———

# BIETJE

**Unuakta teatraĵo de MAURITS SABBE**

*Tradukita de D-ro W. VAN DER BIEST*

---

PERSONOJ.

JEAN-BAPTISTE, notarioficisto, 65 jara.
MONNE, lia frato, duon da jaroj pli juna.
BIETJE, baptofilineto de Jean Baptiste, 16jara.

*En Flandro, dum la jaro 1840 proksimume.*

---

(*Kadukiĝinta kuirejo, ankaŭ uzata kiel hejmĉambro. Malantaŭe, meze, stratpordo kaj, ambaŭflanke, fenestroj, tra kiuj oni vidas neĝkovritan urbon. La fenestroj estas provizitaj per moveblaj duonaj internaj kovriloj. Rulkurtenoj estas ankaŭ duone mallevitaj. — Dekstre de l'publiko, antaŭe, ŝranketo ; malantaŭe, malnova klavceno. — Maldekstre, antaŭe, kuirforno sub kamenbreto ; malantaŭe, pordo. — En la mezo, tablo kaj seĝoj. — Frumatene.*)

---

## UNUA SCENO

JEAN-BAPTISTE (*venas el la maldekstra pordo, forprenas seĝon flanke de l' tablo kaj sidiĝas apud la forno*).

MONNE (*staras apud la forno, atentante pri la boligilo. Humile*). — La akvo tuj bolos, Jean-Baptiste.

JEAN-BAPTISTE (*akre, malafable*). — Ĝi devus boli jam de longe. — Donu al mi la bankuveton.

MONNE (*prenas kuveton de sub la klavceno kaj lokas ĝin antaŭ Jean-Baptiste*). — Mi jam pretigis ĝin ĉi tie hieraŭ vespere.

JEAN-BAPTISTE. — Nu, iom pli rapide ! Eltiru miajn pantoflojn kaj miajn ŝtrumpetojn.

MONNE (*tion faras, pene kaŭriĝante*). — Jen !

JEAN-BAPTISTE. — Ne trodaŭrigi, mi petas ! Donu nur rapide nun iom da akvo. (*Monne jam verŝas la akvon el la boligilo en la kuveton.*)

JEAN-BAPTISTE (*provsentante la akvon per la manoj*). — Ĝi estas jam pli ol sufiĉe varma. Tuj vi brulvundos miajn piedojn.

MONNE. — Tion mi neniam faris, Jean-Baptiste !

JEAN-BAPTISTE. — Neniam faris, neniam faris ! Kaj kiu diras, ke vi neniam povus ĝin fari ? — Kaj kie nun estas la sapo ? Ĉu vi povas lavi viajn piedojn sen sapo ? Kial ĉio tio ne estis ĉi tie preta, kiel mi ordonis ?

MONNE (*dum li prenas la sapon el la ŝranketo, maltrankvile sed ĉiam tre obee*). — Jen ĝi estas jam ! Jen ĝi estas jam !

JEAN-BAPTISTE (*eksplodante*). — Vi ne aspektu kvazaŭ vi ekkolerus, ĉu vi komprenas? Tion rajtas mi sola tie ĉi.

MONNE. — Sed, Jean-Baptiste, mi nenion diras.

JEAN-BAPTISTE. — Se vi pensas, ke mi estas surda, vi eraras, pri tio mi vin certigas. — Kaj miaj ŝuoj? Kion mi diris al vi hieraŭ vespere pri miaj ŝuoj?

MONNE. — Ke mi devas purigi ilin, ĝis kiam ili brilos kvazaŭ speguloj. Kaj tion mi faris efektive.

JEAN-BAPTISTE. — Nu, montru tion!

MONNE (*prenas la ŝuojn el la ŝranko. Post kiam Jean-Baptiste ilin atente ekzamenis*). — Ili estas bonegaj, ĉu ne? Vi vidas ja, ke mi faras ĉion, kiel vi ĝin deziras!

JEAN-BAPTISTE. — Tio estas nur via devo. *Mi* laboras ekstere por la spesoj, kaj la minimumo, kiun *vi* povas fari, estas ja prizorgi la mastrumadon, kaj iom pli bone, ol vi kutimas. Oni rakontis al mi, ke vi ofte tamburetas sur la malnova klavceno, kiam mi ne estas hejme. Zorgu, ke vi ne perdaĉu per tio vian tempon! Se ne, tiu meblo iros al la vendejĉambro!

MONNE (*montras timon. Tre obeeme*). — Ho ne, ne! — Mi ankaŭ pretmetis sur la supra ĉambro vian antaŭĉemizeton kaj vian kolumon kaj vian plej bonan redingoton kaj vian bulĉapelon. Vi trovos tie ĉion tion bele pretlokita. — Sendube pro la novjaro vi vin vestas plej bone?

JEAN-BAPTISTE. — *Novjaro* aŭ *malnovjaro*, ĉio tio estas sama por ni. Ni ne okupas nin pri tiaj infanaĵoj!

MONNE. — Jes, sed... sed mi nur diras, ke vi faros sendube novjaran viziton al la Notaria Moŝto, via mastro.

JEAN-BAPTISTE. — Kompreneble. Kiom ajn stulta vi estas, vi scias, ke mi konas la monduman ĝentilecon.

MONNE. — Kaj Bietje? Ĉu ŝi jam estus tie? Ŝi ja diris, ke okaze de l'novjaro si havos kelkajn tagojn da libertempo en la edukejo?

JEAN-BAPTISTE. — Kial vi okupas vin ĉiam pri Bietje? Bietje estas *mia* baptofilino, kaj ne la *via*, ĉu ne?

MONNE. — Jes, mi tre bone tion scias. Sed la knabineto jam de tiom da jaroj vizitas nian domon, ke mi ankaŭ ja rajtas iom ŝin ami.

JEAN-BAPTISTE. — Tute ne! Ree, *kiu* estas ŝia baptopatro? Ĉu vi? Ĉu mi?

MONNE. — Vi, kompreneble, sed tiel ofte, kiam ŝi estis ankoraŭ iom pli juna, mi por ŝi bele skulptis el ligno hometojn kaj bestojn, tutajn farmejojn kaj lernejojn kaj procesiojn kaj mi ne plu scias kion ankaŭ; tiel ofte mi lasis ŝin ludi per miaj kunikloj kaj miaj kolomboj; tiom da belaj kantoj mi ludis por ŝi je la klavceno kaj tiom da belaj rakontetoj mi diris al ŝi!

JEAN-BAPTISTE (*mokridante*). — Liaj rakontetoj!

MONNE. — Jes, jes... kaj ŝi tre ŝatis ilin aŭskulti. Tiel ofte mi kolektis kun ŝi la pomojn, ni nutris la kokinojn kaj faris

tiom da diversaj laboretoj kune, ke ni fariĝis bonaj gekamaradoj. Vi ja scias tion. Ŝi ja nomas min ankaŭ sia paĉjo Monne.

JEAN-BAPTISTE (*moke, kolere*). — Paĉjo Monne, paĉjo Monne... Tute ne, paĉjo Monne. Bietje fariĝis nun granda fraŭlino kaj je ĉiuj tiuj infanaĵoj, pri kiuj vi jen parolas, ŝi tute ne plu interesiĝas.

MONNE (*nekredeme skuante la kapon*). - Tiom ŝi sendube ne estos ŝanĝiĝinta en la edukejo.

JEAN-BAPTISTE. — Estas tiel, kiel mi diras. Ŝi nun interrilatas plu nur kun inteligentaj homoj. Ne plu vin okupu do pri Bietje. Tio koncernas *min* solan.

MONNE. — Mi deziris nur peti, Jean-Baptiste, ĉu vi ne bonvolus kunporti al via mastro novjaran donaceton de mi por Bietje.

JEAN-BAPTISTE. — Pro kiu rajto vi volas fari donacetojn al Bietje?

MONNE. — Ho, ĝi estos tiel agrabla al ŝi. Mi scias tion. Jam de tiel longa tempo ŝi parolas pri laborskatolo, kaj nun mi faris unu por ŝi, tute ornamitan per skulptaĵoj. (*Li prenis intertempe la skatolon el la ŝranko.*) Rigardu. Vi ĝin ja trovas sufiĉe bela por esti donacata al Bietje, ĉu ne ?

JEAN-BAPTISTE (*kiu malbonvole ekzamenas la skatolon*). — Kiuj estas tiuj kurvaĵoj, ĉi tie ? Kaj ĉiuj tiuj hokoj kaj hoktruoj, kion ili devas signifi ?

MONNE. — Jen estas floretoj, ĉu vi vidas ? kaj jen birdetoj, kaj jen estas la komencliteroj de l'nomo de Bietje : Z. V. A.

JEAN-BAPTISTE (*moke ekridegante*). — Kiel ? Z. V. A., Z. V. A.!! Unue ne taŭgas la Z.: ĝi estas la komenca litero de *Zenobie*, tiu abomeninda nomo, per kiu la duonfreneza baptopatrino de Bietje — Dio havu ŝian animon — esperis ŝin turmenti dum ŝia tuta vivo. Sed tiun nomon mi ŝanĝis en *Bietje*. Ĉu mi devas denove tion klarigi al vi ? Ŝi estas Bietje kaj ŝi restas Bietje. Kaj nun due, tiu A ? (*Mokridante.*) Tiu A ! Jen ni havas la klerulon ! La notario estas ja nomata Van Hagedoorn kun H antaŭe kaj ne kun A...

MONNE. — Jes, sed... sed...

JEAN-BAPTISTE. — Ho, silentu, jam en la lernejo vi ĉiam estis azeno.

MONNE. — Sed patrinjo ne diris tion, ŝi...

JEAN BAPTISTE. — Patrinjo, patrinjo ! Vi ĉiam parolas nur pri ŝi! Dum kiom da tempo vi konis ŝin ? Vi eĉ ne estis sepjara, kiam ŝi mortis.

MONNE. — Sed tamen mi konis ŝin tre bone. Mi...

JEAN-BAPTISTE. — Sufiĉe pri tio ! Kaj nun, tiuj floretoj kaj tiuj birdetoj, ĉio tio estas tute ne distingebla ! Tian fuŝaĵon mi ne prenas kun mi. Mi ne deziras, ke oni moku min.

MONNE. — Ho, faru, Jean-Baptiste, nur unu fojon tion, kion mi petas de vi. Bietje tiom ĝojos !

JEAN-BAPTISTE. — Ne, mi diras, mi ne faras tion.

MONNE (*kun kontraŭstara moveto*). — Mi do portos ĝin mem...

JEAN-BAPTISTE (*subite stariĝante en la kuveto*). — Per ĉiuj diabloj ! Kio okazas al vi ! Vi ne eligos unu piedon el la domo sen mia permeso, kun via fuŝita skatolo ! (*Li forĵetas la skatolon. Monne reprenas ĝin kaj ĝin metas sur la tablon.*) Mi enŝlosos vin kun tio. *Mi* estas tie ĉi la ĉefo, tio estis ĉiam tiel kaj tio ne ŝanĝiĝos, ĉu vi aŭdas ? Ne utilas, ke vi protestas aŭ obstinas ! Se vi ankoraŭ unu sekundon tedos min, mi tuj metos vin sub kuratorecon kaj sendos vin en la maljunulejon de la *Fratoj de l'Amo*.

MONNE (*fariĝinte ree tre obea, tremante*). — Ne faru tion, Jean-Baptiste. Ne, ne faru tion ! Ne min for de mia klavceno, de miaj kunikloj, de... Ne faru tion!

JEAN-BAPTISTE (*ree sidiĝinte*). — Certe, mi faros... Tuj kiam vi estos ree tiel ribelema ! Kion vi imagas ! Viŝu miajn piedojn !

MONNE (*dum li tremante obeas*). — Jes, jes...

JEAN-BAPTISTE. — Nun remetu al mi miajn pantoflojn. Kaj unu fojon por ĉiam enigu en tiun malfortan cerbon, tien, ke Bietje kaj vi havas nenion, tute nenion komunan. Bietje kaj mi, tio estas alia afero. Kaj se ni ambaŭ petos ion de vi aŭ ordonos ion al vi, vi povos aŭdigi vin ; se ne, ne. Kie nun pretkuŝas miaj plej bonaj vestoj ?

MONNE. — En la supra ĉambro ili kuŝas.

JEAN-BAPTISTE (*iras al la maldekstra pordo, kunportante siajn purigitajn ŝuojn*). — Bone. (*Montrante la kuveton.*) Kaj nun forportu ĉion tion ĉi. (*Li foriras.*)

---

## DUA SCENO

---

MONNE (*dum li forportas, maltrankvile kaj tremante, la kuveton, k. t. p.*). — Min meti sub kuratorecon... Ĉu vi aŭdas tion ? Apud la *Fratojn de l'Amo*, li diras... Jes, li diras tion... Kaj li tion farus ankaŭ... *Fratoj de l'Amo*...

(*Oni frapas sur la stratpordo Surprizo de Monne ; li ne scias, kion li devas fari. Fine li malfermetas unu el la fenestraj kovriloj dekstre kaj rigardas sur la straton. Subita ĝojo vidiĝas sur lia vizaĝo.*) Jesuo, Mario, jen Bietje !

(*Li rapide kuras al al maldekstra pordo por certiĝi, ĉu ĝi estas bone fermita. Li demetas sian antaŭtukon, li almetas la jaketon, kiu pendas flanke de l'kamenbreto ; poste li malfermas la stratpordon.*)

---

## TRIA SCENO

Bietje (*helkolore vestita — mallonga jupo, beleta ĉarma aperaĵo — etendas ridante la manon al Monne*). — Bonan tagon, mia dolĉa, bonega paĉjo Monne. Mi deziras al vi sanktan novjaron kaj multe da feliĉo kaj da beno! (*Ŝi skuas liajn manojn.*) Mi jam de hieraŭ vespere estas hejme kaj la unua ago, kiun mi hodiaŭ faras, estas iri al vi kaj al paĉjo Jean-Baptiste por deziri bonan novjaron al vi ambaŭ, per vortoj kaj per sukeraĵoj. Rigardu ja ĉi tien! (*Ŝi prenas el sia saketo oranĝojn, frandaĵojn kaj boteleton da vino, kaj metas ĉion sur la tablon.*) Oranĝoj, marcipano kaj fulmokukoj de mi, kaj jen boteleto da dolĉa matenvino, kun la saluto de patrinjo! Tiu ĉi lasta precipe por vi, paĉjo Monne, ĉar plu neniam oni vidas vin ekstere. Kion vi diras nun pri tio?

Monne (*rigardante jen la donacojn, jen la knabinon*). — Mi diras, ke vi estas anĝeleto, kiu falis el la ĉielo...(*Li dolĉe ekploras.*)

Bietje. — Fi! Paĉjo Monne! Kiaj estas la jenaj manieroj? Se vi komencas la jaron tiel, ĝi certe fariĝos akva jaro! Kio mankas al vi? (*Monne faras gestojn por komprenigi, ke Bietje devas paroli pli mallaŭte, por ke Jean-Baptiste ne aŭdu ŝin tra la maldekstra pordo.*) Ha! Mi divenas, kio okazis. (*Patrine afable.*) Denove vi iom disputetis kun paĉjo Jean-Baptiste? Tio ne estas tiel grava, sendube! Nu, diru, rakontu ĝin al mi. Kio okazis?

Monne. — Li denove diris, ke li jetos min eksteren, ke li metos min sub kuratorecon, kaj... kaj...

Bietje (*ridante*). – Kaj ke li sendos vin ĉe la *Fratojn de l'Amo*, ĉu ne? Sed ne la unuan fojon li diras tion. Mi jam aŭdis tion tiel ofte, kaj ĝi neniam okazis! Paĉjo Jean-Baptiste diras tion, sed ja ne ĝin faras. Forjetu tiu penson, paĉjo Monne, vi nenion devas timi.

Monne. – Jes, sed, Bietje, vi ne scias, kiel perforta li estas kelkafoje, kaj unu aŭ alian tagon...

Bietje. — Tio neniam okazos. Rememoru tion, kion ni jam antaŭe priparolis, ni ambaŭ! Rigardu, mi levas tri fingrojn, ĉu ne? Nu, ĉi tiuj tri fingroj estas la domo, en kiu vi loĝas ĉi tie kun paĉjo Jean-Baptiste. Kaj en tiu domo estas tiom de paĉjo Jean-Baptiste (*ŝi fleksas unu fingron*) kaj tiom de vi. (*Ŝi montras al li la du ceterajn fingrojn.*) Tion via patro volis en sia testamento, kaj tio estas skribita sur la notariaj paperaĵoj. Unu infanparton antaŭ ĉio. Patrinjo iam rakontis tion al mi, kaj vi ankaŭ tion scias, ĉu ne?

Monne. – Kaj ĉu tiuj du estas tute miaj, tute? Kaj ĉu mi rajtas fari per ili tion, kion mi volas?

Bietje. — Certe, kaj neniu povas forpeli vin de tie ĉi! Patrinjo diras kelkafoje, ke la viroj ofte parolas nur por aerumi sian buŝon, kaj tio sendube ankaŭ okazis al paĉjo Jean-Baptiste.

— Nu, prefere gustumu peceton da marcipano. Jen, venu ! (*Ŝi metas pecon en lian buŝon.*)

MONNE. — Jes, sed kion diros Jean-Baptiste, se mi jam manĝas da ĝi ?

BIETJE. — Nenion li diros ! Staras ĉi tie ankoraŭ plena sako. (*Ŝi prenas la skatolon, kiun Monne destinis al ŝi kaj kiu restis sur la tablo.*) Kio estas tio. paĉjo Monne ?

MONNE (*kun timo proksimiĝante*). — Mi ne kuraĝas ĝin diri, Bietje !

BIETJE. — Ne ? Nu, diru ĝin rapide !

MONNE. — Ĝi estis novjara donaceto por vi — Mi mem ĝin tutan skulptis el bonega palmoligno — kun floretoj kaj birdetoj, kiel vi vidas... Sed Jean-Baptiste ne permesas, ke mi donu ĝin al vi.

BIETJE. — Kaj kial ne ?

MONNE. — Ĉar tie... jes... ĉar tie... Vi komprenu, li ne volas la jenan Z. Li diras, ke via nomo estas Bietje kaj ne Zenobie...

BIETJE (*ridante*). — Jen ridindaĵo ! Bietje estas nur la vosteto de mia nomo. En la preĝejo kaj en la urbestrarejo, eĉ en la lernejo oni nomas min Zenobie. Mia formortinta baptopatrino tion postulis. Zenobie mi estas kaj Zenobie mi restas !

MONNE (*imitante Jean-Baptiste*). — Kaj li diras : ŝi estas Bietje, kaj ŝi restas Bietje. — Kaj ankaŭ la jena A. Io devas stari antaŭ ĝi, li diras.

BIETJE. — H ?

MONNE. — Jes, O !

BIETJE. — Certe, sed, ba, ba ! oni ja ne aŭdas ĝin. Mi trovas la skatolon belega. Kaj ĉu ĝi estas por mi ? Jes ? (*Monne, superfeliĉa, kapo jesas.*) Bonega, dolĉa, aminda paĉjo Monne ! Venu, mi ne ankoraŭ donis al vi novjaran kison. (*Ŝi kisas lin, apogas kontraŭ li, frotas dolĉe per la mano sur liaj vangoj.*) Ni estas gekamaradoj, ĉu ne ? Kaj mi vidas kun ĝojo, paĉjo Monne, ke vi daŭrigas fari tion, kion mi diris al vi. Viaj vangoj estas ebene razitaj. Mi ne plu devos doni al vi, kiel antaŭ kelkaj jaroj, *mauvais point pour négligence*, pro nezorgita barbo. Ĉu ne ? Ĉu vi rememoras tion ?

MONNE. — Ĉu mi rememoras tion, Bietje ! Mi memoris ĉion, ĉion, kio okazis en ĉi tiu domo, kaj ĉion, kion vi diris, de la momento kiam vi eniris tien ĉi. Tio estis la komenco de mia feliĉo, kaj tion mi ne forgesas.

BIETJE (*petole riproĉante*). — Kaj tamen ion vi forgesis ! Rigardu ĉi tien ! Dum la bela, hela tago neniuj rulkurtenoj mal-levitaj, neniuj fenestraj kovriloj fermitaj, mi ĉiam diris. Kaj tion vi forgesis. (*Ŝi malfermas la kovrilojn kaj levas la kurtenojn. Hela sunlumo eniĝas superflue en la ĉambron kaj ĝin tutan ĝojigas.*) Jen ! (*Ŝi staras en fasko da lumradioj.*)

MONNE. — Ho jes, Bietje, mi denove forgesis tion. Kiam vi restas tiel longtempe en la edukejo, kelkaj el la malnovaj agmanieroj revenas. Sed, rigardu, kiel bela estas la vetero. Kiel vi tie staras, Bietje, vi estas tiel ŝtelinda, kiel kiam vi, vestita kiel S-kta Johaĉjo, kun dancetantaj harblukoj kaj kun blanka, lanriĉa ŝafeto ĉe silka rubando, iris en la procesio. Ĉu vi rememoras, kiel tio estis bela?

BIETJE. — Jes, jes! Kaj mi memoris ankaŭ, kiel tiun tagon vi kuris de unu strato al alia, ĉiam nur por revidi vian S-ktan Johaĉjon. Vespere vi ne plu povis movi unu piedon.

MONNE. — Jes, sed tio ja valoris la penon esti vidata.

BIETJE. — Kaj kiel fartas via klavceno? Ĉu vi plilernis multajn kantetojn?

MONNE. — La kantetoj dormas kaj silentas, kiam vi ne estas ĉi tie.

BIETJE. — Kaj kiel sukcesis la pomkolektado la lastan aŭtunon?

MONNE. — La pometoj, maturaj kaj ruĝkoloraj, vin atendadas! Kaj ilin kolekti ne estis ĝojo sen vi!

BIETJE. — Kaj la kunikloj, paĉjo Monne?

MONNE. — Ili estas malgajaj kaj malĝojas pro vi. (*Bietje ridas.*) Vere, ili malĝojas pro vi. Kaj kiam mi diras: « Bietje estas for, » ili melankolie min alpalpebrumas.

BIETJE. — Kion vi diras, paĉjo Monne! Kaj la kolomboj?

MONNE. — Ili kveras kaj plendas pro vi.

BIETJE (*ridante*). — He, he! sed vi parolas kvazaŭ mi estus feineto, kin ensorĉas homojn kaj bestojn!

MONNE. — Tio vi ja estas, mia Bietje. Vi estas la feineto de mia malnova kaj malriĉa domo kaj de l' jena maljuna kaj malriĉa koro. Ĉiufoje kiam mi vidas vin, venas al mi multe da bono, multe da helo kaj io kvazaŭ la mildaj odoroj de l' floroj en la ĝardeno ĉe la vesperkrepusko, kaj tio venas de tre malproksime, de la tempo, kiam mi estis tre malgranda knabo kaj kiam mia patrinjo ankoraŭ vivis... Mi travivis mian tutan vivon ĉi tie, komence kun patro kaj Jean-Baptiste, kaj poste kun Jean-Baptiste sola, kaj de post la morto de patrinjo neniam, neniam plu io el tiu bono, tiu helo trairis mian vivon... Sed tiam venis vi, Bietje, kiel feineto, por ree ĝuigi al mi tion malnovan, bonan... La sunlumo revenis kun vi en la domon kaj la bonodoroj de l' floroj supreniĝis el viaj vestetoj, kaj mi ĉiam kredis, Bietje, ke en vi renaskiĝis mia patrinjo!

BIETJE (*kun emocio karesante lian manon*). — Via malgranda ludpatrinjo, paĉjo Monne!

---

## KVARA SCENO

JEAN-BAPTISTE (*kolere kriante malantaŭ la maldekstra pordo*). — Monne! Kie vi restas denove? Monne!

MONNE (*subite eliĝante el sia dolĉa revo, ree limante*). — Ĉu vi aŭdas lin? Ĉu vi aŭdas lin denove?

BIETJE. — Ta, ta, ne timu. Mi igos lin tiel dolĉa, kiel kolombeto.

JEAN-BAPTISTE (*malfermante la pordon*). — Kiam oni bezonas vin, vi neniam, per Dio! estas trovebla! Ĉiam la sama afero... (*Kun sia altpinta kolumo, kiun li ne sukcesis fiksi ĉe sia ĉemizbutono, en la mano, cetere plej bone vestita — iom karikature — li mirante haltas vidante Bietje, kiu lin alsaltetas. Lia tuta kolero forfandiĝas.*)

BIETJE. — Tagon, mia bonega paĉjo Jean-Baptiste. Mi deziras al feliĉan novjaron kun multe da ĝojo sur via vojo! Mi ne atendis ĝis kiam vi venos mem en mian domon, mi opiniis, ke estas mia devo veni al vi.

JEAN-BAPTISTE. — Sed, mia kara Bietje, kia suprizo! Miloblan dankon pro la honorigo kaj la bondeziroj, kaj tiom miaflanke! Sed, ke mi staras ĉi tie nur duone vestita... Vi povus pensi, ke mi ne konas la mondumajn manierojn.

BIETJE. — Ĉu malbonvola butono? Se nur estas tio! Venu! (*Ŝi ĉirkaŭmetas al li lian kolumon kaj ligas lian kravaton. Dume, Jean-Baptiste rigardas Monne, fieriĝante pro tiu honorigo.*)

JEAN-BAPTISTE. — Kion vi diras nun pri tio, Monne? Veni mem por novjari (*), jen almenaŭ baptofilino! Da tiaj oni ne trovas multe.

MONNE. — Certe.

BIETJE (*apogante kontraŭ Jean-Baptiste kaj karesante liajn manojn*). — Kaj kiel fartas nun mia baptopaĉjo? Jam de preskaŭ tri monatoj ni ne plu vidis unu la alian! Ĉiam tiel eleganta, ke oni kelkafoje imagas, ke vi mem estas la notario, kiam vi iras kun mia patro?

JEAN-BAPTISTE. — Vi min flatas, Bietje, vi min flatas! (*Al Monne, fiere.*) Ĉu vi aŭdas tion?

MONNE. — Jes, jes...

BIETJE (*premante la manon de Monne kaj tiun de Jean-Baptiste*). — Kaj nun ni ree estas ĉiuj tri kune, kiel antaŭ la tempo de l'edukejo, ĉu ne? Rigardu, paĉjo Jean-Baptiste, kiel belegan skatolon mi ricevis de paĉjo Monne!

JEAN-BAPTISTE. — Jes, sed ĉu vi vidis, ke...

BIETJE (*metante sian manon sur lian buŝon*). — Ŝt! Mi nenion vidis, mi nenion vidas kaj mi nenion vidas. Ĝi estas admirinda skatolo, mi diras... (*Daŭrigota.*)

(*) Prezenti siajn novjarajn bondezirojn.

# LA FINGRINGO DE MIA AVINO

Mi estis ankoraŭ malgranda knabeto. Mia patrino sendis min dum granda parto de la tago ĉe Rozeken Veldraat, la maljuna servistino de l'patrino de mia patro, por ke, ludante tie, mi ne enuigu miajn gepatrojn, kiuj estis ege okupataj pro siaj komercaj aferoj.

Inter mia hejma domo kaj la strato, kie loĝis Rozeken Veldraat, fluas la rivero Dendro, kiu trafluas nian tutan urbon kaj dividas ĝin en du partojn. Dufoje ĉiutage, kiam la tajdo alveturigas el la Skeldo la ŝipojn, regas granda agemeco sur la Dendro, kaj tio amuzis min, malgrandan knabon, ke tra la malgrandaj fenestroj de la dometo de Rozeken mi povis vidi tiujn rapide forveturantajn ŝipojn, dum Rozeken senlace donis al mi ĉiujn klarigojn, kiujn infana spirito povas deziri. Por mi Rozeken iom enkorpigis la plej altan sciencon ; ŝi povis senhalte kaj senĉese respondi, kaj neniu el miaj eĉ ofte malfacilaj demandoj restis iam sen respondo.

Ho, kiel bona virino, tiu Rozeken ! Ĉe ŝi mi rajtis ludi, kiel mi deziris, silente aŭ bruege, kaj neniam mi devis timi, ke oni venos por silentigi min dum miaj bruaj infanaj ludoj, kaj Rozeken amis min kore ; en ŝia malgranda malriĉula dometo ŝi permesis al mi fari ĉion, kion mia knaba koro deziris, kaj eĉ ŝi defendis min kontraŭ la najbara knabino Mandino, kiu kelkfoje dum la ludoj volis turmenteti min.

— « Malbona Mandino, » ŝi diris, « vi ne povas turmenteti la knabon ; se ne, mi plendos ĉe via patro. »

Ho, tiu malgranda dometo de Rozeken ! En la antikva flandra kameno staris granda Lovena hejtilo ; la kamenbreteto estis ornamita per malnovaj teleroj kun pentraĵoj de la Napoleonaj bataloj, pri kiuj Rozeken sciis tiel bele rakonti. Ĉe la muro, sub la krucifikso, pendis, en nigra ligna kadreto, antikva pergamena bildeto kun la Sankta Virgulino kaj la anĝelo Gabrielo. Tiun bildon mi post la morto de Rozeken ricevis de ŝia filino Philomeen kaj mi ĉiam konservas ĝin kiel sanktan memoraĵon pri la bonega maljunulino.

Rozeken malgraŭ sia maljunaĝo — ŝi estis sepdek-kvinjara — konservis bonan memoron kaj bonajn okulojn. Ĉiutagmeze ŝi rigardis tra la fenestretoj kaj ĉiutagmeze alvenis momento, kiam ŝi ĝoje ekkriis :

— « Ha, tie alvenas Ludoĉjo ! »

Ludoĉjo estis la nomo, per kiu ŝi nomis mian patron, kiun ŝi dum sia juna aĝo, kiel servistino, portis kaj lulis en siaj brakoj.

Rozeken estis ĉiam gaja. Eĉ en malsano, eĉ kiam pro manko da laboro de ŝia filino la moneroj iĝis tre maloftaj en la antikva ŝranko, ŝi tamen estis ĉiam gaja, kaj, kiam mia patrino venis repreni min por la tagmanĝo kaj trovis Rozeken kun ŝia edzo

Petrus kaj kun ŝia filino Philomeen manĝantaj terpomojn kun haringo, Rozeken tre gaje kutimis diri :

— « Kiel vi vidas, Sinjorino, ni komencis hodiaŭ nian novan ŝinkon. »

Kaj ĉiulunde, kiam la almozpetantoj faris sian rondon, Rozeken prenis el sia ŝranko kelkajn monerojn de unu centimo, kiujn ŝi dum la semajno konservadis, kaj ĉiu mizerulo ricevis unu centimon, sed ĝi estis donacita plenkore, kaj Rozeken diris al la mizerulo :

— « Ni mem estas malriĉuloj, ni ne povas doni multon ; tamen ni donas ion. »

Kaj revenante en la domon ŝi aldonis :

— « Ili estas tamen pli malriĉaj, ol ni. »

Bona koro, bela filozofa konsolo de la simplanimuloj !

Iun tagon okazis io nova en nia gepatra domo. Post longa pripenso kaj kalkulo miaj gepatroj decidis replankumi la pavimon de la unua etaĝo. Du ĉaretoj ŝarĝitaj de planktabuloj staris antaŭ nia pordo, kaj laboristoj en- kaj eliris nian domon. Tiun tagon, kiam mia patrino venis por repreni min, Rozeken diris al ŝi :

— « Sinjorino, kio okazas nun en via domo ? »

— « Oĥ, Rozeken,» respondis mia patrino, « oni metas novan plankpavimon en la unua etaĝo. »

— « Ĉu vere ? Nu, sinjorino, momenton. Mi devas diri ion al vi. Kiam nun okazos la festo de la Tri Reĝoj, estos precize de kvindek jaroj ke Virginie, la patrino de via edzo, faligis sian arĝentan fingringon. Ĝi falis, ĝi ruliĝis, kaj neniam ni retrovis ĝin. Kaj tio okazis en la malantaŭa ĉambro de la unua etaĝo. Kaj ĉar ni nenion retrovis, kaj ĉar estis proksime al la pavimo, ni ĉiam opiniis, ke la fingringo falis en tiun truon. Mi estas certa, ke oni retrovos ĝin, se oni volos iom atente serĉi. »

Kiam mia patrino tion estis rakontinta hejme, mia patro promesis rekompencon al la ĉarpentisto, kiu retrovus la fingringon de lia patrino.

Kaj efektive, du horojn poste, oni retrovis ĝin, kaj miaj gepatroj ĝojis, kvazaŭ trezoro estus retrovita.

Kaj ne mirinde : mia patro posedis nenian memoraĵon pri sia patrino, krom du oraj glanformaj orelbukloj, kiujn lia patrino donacis al Rozeken kaj kiujn Rozeken promesis al mia patro, kiel heredaĵon post sia morto. La aliaj gefiloj kunportis kun si ĉiujn aliajn juvelojn kaj memoraĵojn, kaj mia patro, kiu apenaŭ konis sian patrinon, ĉar ŝi mortis dum lia juninfaneco, nur rememoris pri sia patrino, ke ŝi estis malgranda kaj ke li ĉiam diris al ŝi :

— « Patrineto, virineto ! »

Ho, malfeliĉaj infanoj, kiuj dum la infanjaroj perdas sian patrinon kaj ne havos plu iun, kiu dorlotos ilin kaj gvidos iliajn unuajn paŝojn en la vivo !

* * *

Mia patro jam longtempe mortis, kelkajn tagojn post la preskaŭ centjara Rozeken. La arĝentan fingringon de mia avino mi ĉiam konservis, kiel koran familian memoraĵon ; ĝi valoras nur kelkajn centimojn, kaj estas eble pro tio, ke la malpiaj manoj, kiuj forrabis el la ŝranko de mia dormoĉambro kune kun aliaj juveloj la orajn orelbuklojn de mia avino, ĝin juĝis tro malmult-valora kaj respektis ĝin.

Tute egale ! Por mi ĝi estas duoble valora nun : tiu avina fingringo havas sian historion, kaj mi konservas ĝin religie, kiel heredaĵon kaj memoraĵon pri la tro frue mortinta patrino de mia kara patro.

O. Van Schoor.

# MIA UNUA DOLORO

Un jour de fête,
Un jour de deuil :
La vie est faite
En un clin-d'œil.

Mi estis dek-dujara knabo. La vivo montris al mi nur siajn plej belajn flankojn kaj senzorge kaj senpripense mi ĝuis plenege la plezurojn, kiujn dekdujara naiva knabo povas ĝui.

Krom la lerneja tempo, ĉio estis ludo kun la amikoj. Vintre, mi ĝojege rigardis la blankajn neĝerojn, turniĝante falantajn, kiuj poste estis por mi konstruajmaterialo por neĝaj homoj kaj kasteloj, kaj per kiuj mi faris bulojn utilajn en niaj — ne ĉiam pacaj — bataladoj. La frostita ebenaĵo de la akvo estis mia glitkampo kaj vespere, apud la fajro sidante, mi plezurege aŭskultis la feinajn rakontojn de mia kara patro. Somere la longaj tagoj, la belaj kamparoj estis ĉiamaj okazoj de promenadoj kaj mi ĉiuvespere hejmen revenis, kiam la lastaj radioj de la kuŝiĝanta suno jam malaperis en la okcidenta horizonto. Printempo donis al mi siajn florojn kaj aŭtuno siajn fruktojn, kaj la vivo estis por mi senĉesa ĝuado kaj ĝojego.

Belaj tagoj, kiel longtempe jam, ho ve ! forflugintaj.

Antaŭ la pordo de mia hejmo fluis la rivero Skeldo, kie mi ĉiutage rigardis la ŝipojn kun blankaj aŭ brunaj veloj, veturantaj sur la ĉiam moviĝanta akvo. Bela rivero, arterio, veturiganta la komercan sangon de nia lando kaj ĉie, kie ĝi trafluas, sufiĉegon de la kampoj, riĉecon de la komerco kaj bonstaton por ĉiuj disdonanta !

Nia urbo ne estis marhaveno, sed tamen ĉiujare ĝi ricevis la viziton de du aŭ tri marŝipoj, malgrandaj golet-, brik-, aŭ barkŝipoj, ŝarĝitaj de ligno, gudro aŭ sekitaj fiŝoj.

En la komenco de Aŭgusto 1885, alvenis en nia haveno beleta germana brikŝipo, «Hellas», ŝarĝita de ligno el Norvegujo.

— Kiam estis marŝipo en nia haveno la knabaro de nia urbo havis festotagojn, ĝis kiam la ŝipo forlasis la havenon por daŭrigi sian marvojaĝon al alia malproksima lando. De la fruaj matenhoroj, ĝis kiam la vespera mallumo ekkovris la teron, la knabaro ludis apud la riverbordo kaj sur la ferdeko de la ŝipo, kaj nia plej granda plezuro estis ricevi de la ŝipa kuiristo unu aŭ duonan marbiskviton. Tiuj marbiskvitoj estas tre maldolĉaj, strangegustaj kukoj, nur manĝeblaj de personoj kun bonegaj dentoj, sed ĉar tiuj kukoj estas io eksterorda, ni ĝuis nedifineblan plezuron ricevante kaj manĝante ilin, kaj tre ofte mia kara patrino al mi diris, montrante la marbiskviton :

— « Se mi estus doninta tian manĝaĵon al vi,certe vi preferus fasti dum unu semajno. »

Malgraŭ tiuj ripetitaj patrinaj rimarkoj, mi ĉiutage, same kiel la aliaj kunknaboj, petis la kuiriston :

— « Kuiristo, marbiskviton ? »

La estro de la brikŝipo « Hellas», Gustavo Höpfer el Ŝtetino, estis dika,netrogranda viro, kun brunaj haroj, bela barbo kaj belaj okuloj. Ĉar mi sciis balbuti kelkajn vortojn angle, mi povis veni ĉiutage ĉe lin sur la ŝipon, kaj li donacis al mi fremdlandajn poŝtmarkojn kaj germanajn kukojn ; li permesis al mi ludi en ĉiuj partoj de la ŝipo : eĉ mi suprenrampis kelkafoje per la ŝnurega ŝtupetaro ĝis la supraĵo de la granda masto.

Dum la ok tagoj, kiujn la ŝipo pasigis en nia haveno, la ŝip estro kaj mi fariĝis bonegaj amikoj. Do, mia amiko Höpfer, akceptinte novan vojaĝon por reveni en nian urbon post ses aŭ sep monatoj, promesis al mi alporti tiam skandinavajn kuriozaĵojn kaj poŝtmarkojn. La 15an de Aŭgusto, je la dua posttagmeze, li devis forveturi kun sia ŝipo.

Antaŭ ol forlasi nin, li venis en nian hejmon kaj post trinko de glaso da vino, ĉar estis la nomfestotago de mia kara patrino, li diris al ni ĉiuj :

— « Karaj amikoj, ĝis la revido, post ses monatoj. »

Mi mem malligis la lastan ŝnuregon, kiu tenis lian ŝipon ĉe la riverbordo kaj kun mia blanka naztuko, plorante, mi salutis lin, ĝis kiam la ŝipo el mia vido estis malaperinta.

Ĉiutage, post tiu disiĝo, mi pensis pri mia amiko ŝipestro, kaj kiam unu monato forpasis,mi skribis al li — en malbona angla lingvo — longan leteron, kiun mi sendis al la ekspedista firmo entrepreninta la ŝarĝadon de la ŝipo.

Senpacience mi atendis respondon de mia amiko. Vane ; nenia respondo venis. Sed, post ses semajnoj, iumatene,la poŝtisto alportis ĉe miajn gepatrojn grandan leterkoverton, senditan de la Centra Postoficejo kaj sur kiu estis skribita : « Letero resendata al sia sendinto. »

Malferminte ĝin, mi trovis en ĝi la leteron, kiun mi ses semajnojn antaŭe sendis al mia amiko. Sur la malantaŭa parto de la koverto enhavanta mian leteron, mi legis nur tiujn kvar vortojn :

« Ŝipo perdita, ŝipestro pereinta. »

* * *

Dudek-kvin jaroj forflugis jam de tiu momento, kaj ĉiam la memoro pri tiu malfeliĉa tago restas gravurita en mia koro. Kaj ne mirinde : la malfeliĉa ŝipestro estis la unua amiko, kies morton mi ploris ; la mallongaj sed malĝojigaj vortoj : « Ŝipo perdita, ŝipestro pereinta » estis la unua elreviĝo de miaj junecaj jaroj ; ili kaŭzis mian unuan doloron.

Post tiu tago la vivo ne produktis nur rozojn por mi, sed multnombrajn dornojn : elreviĝojn, malĝojojn kaj dolorojn.

Tamen, tre ofte, ankoraŭ nun, kun sento de intima malĝojo, mi rememoras mian malfeliĉan amikon Höpfer, la ŝipestron de la « Hellas », kies mortnovaĵo estis la kaŭzo de mia unua doloro.

OSCAR VAN SCHOOR.

## Diversaj Informoj

**Gratuloj.** — Ni sincere gratulas nian samideaninon F-inon MARIA BERTEN, kiu edziniĝis kun S-ro LEO CHAIDRON, kaj S-ron ANTONIN JAKEŜ, la sindonan kunlaborinton de la *Sepo*, kiu fariĝis la edzo de F-ino TONUŜA LEPORISZOVA.

**La ĉiumonata revuo « Homaro »** konigas, ke de nun ĝi ne plu estas oficiala organo de iu ajn asocio kaj tute sendependiĝis. Krom la servo de la revuo, la administracio promesas senpage al siaj abonantoj interesajn broŝurojn, kiujn ĝi de tempo al tempo eldonos, kaj unu el la unuaj estos *La deveno de l'homo*, scienca libreto, kiu enhavos multajn ilustrajojn. La abono de *Homaro* kostas 1 Sm. ĉiujare. Adreso : Pasaje del Comercio, 8, Madrid (Hispanujo).

**Gvidlibreto tra Château-Thierry (Aisne).** — La loka esperantista grupo, sub la aŭspicioj de U. E. A., jus eldonis gvidlibreton de la urbo, kie naskiĝis la tutmondfama fablisto LA FONTAINE. Gesamideanoj, skribu per poŝtkarto (oficiala aŭ ilustrita) al S-ro G. DELANOUE, delegito de U. E. A., 2, Rue Drugeon-Hocart, Château-Thierry (Aisne), Francujo. Tiun belilustritan 16paĝan broŝureton tuj vi *senpage* ricevos.

**Esperanta Puparo en Parizo.** — La geesperantistojn, kiuj intencas ĉeesti la Dekan Kongreson, kaj ankaŭ la gesamideanojn, kiuj ne povos iri Parizon, plezure ni atentigas pri la puparo de F-ino LAURE DE LAPORTE. Tiu puparo konsistas el pli ol cent pupoj, vestitaj laŭ la kostumoj de provincoj francaj aŭ alilandaj ; la plej multaj pupoj estas kolektitaj dank' al la Esperanta korespondado. La kolektistino estos tre danka al ĉiuj gesamideanoj, kiuj bonvolos havigi al ŝi aliajn pupojn ; sed ŝi postulas, ke oni neniun pupon sendu, ne interkonsentinte kun ŝi pri la grandeco, beleco kaj kosto de l'pupo. Oni bonvolu skribi al F-ino DE LAPORTE, 50, boulevard de l'Hôpital, Paris.

**Ĉekbanko Esperantista.** — Ni estas sciigitaj, ke la *Ĉekbanko Esperantista*, Merton Abbey, London S. W., faris aranĝon kun la *Société Générale*, 54-56, Rue de Provence, Paris, laŭ kiu la kreditaj kartoj eldonotaj de la *Ĉekbanko* estos pagataj dum la monato Aŭgusto en la potempa oficejo, starigota de la *Société Générale* en la ejo de la Xa Esperantista Kongreso de Paris (Palais Gaumont, Place de Clichy). Pri tiuj ĉi kartoj aĉeteblaj ĝis la 31a de Julio, oni petu pluan informon rekte ĉe la *Ĉekbanko*.

# BIBLIOGRAFIO

**Adèle Kamm**, de PAUL SEIPPEL, traduco Esperanta de RENÉ DE SAUSSURE, Genevo 1914, librejo Kündig, 230 p., Sm. 1,20.

Tiu conata libro de la eminenta Genevana aŭtoro PAUL SEIPPEL jam havis du eldonojn en franҫa lingvo : la germana traduco aperis amtaŭnelonge che A. Francke, libristo en Bern. Nun aperas bonega traduco Esperanta de Profesoro R. DE SAUSSURE.

Estas ja neneҫese atentigi pri la alta morala valoro de tiu libro, char ghi estis jam reҫenzita en multaj en- caj exterlandaj gazetoj caj jam havis grandan nombron da legantoj Nin interesas plej multe, ce la Esperantan traducon prizorgis tiel eminenta caj pro siaj laboroj pri caj en Esperanto plej bone conata persono. Pro tio estas tiu traduco vere brila faro, ne nur conҫerne la fidelan reproduction de la franҫa originalo, sed ancaŭ rilate al la lingva perfecteҫo. La stilo estas flua caj parte ech eleganta, tiel ce la libro estas legebla, cvazaŭ la traducinto estus scribinta en sia gepatra lingvo. Al chiuj amicoj de la mondlingvo Esperanto ni varme recomandas tiun libron.

Tiu reҫenso estas scribita per la alfabeto, ciun la traducinto uzis. Oni do constatos, ce la proponitaj shanghoj estas negravaj, caj ce chiu esperantisto tuj caj sen ia peno povas legi la sensupersignan vercon (1). J. SCHMID.

**Karaktero** laŭ MR J. M. VAN STIPRIAAN LUÏSCIUS, advokato en Hago ; tria plivastigita kaj pli bonigita eldono, tradukita laŭ la 8a eldono de l'holanda originalo. Eldonoj : Librejo « Espero », Prinsestraat 48, 's Gravenhage (Holando). 32 paĝoj, 19 × 13 1/2 cm. Prezo : Fr. 0.50 ; 0 Sm. 20.

Tiu tradukaĵo ĝuis jam grandan sukceson en la esperantistaro, tion senkontraŭdire pruvas la fakto, ke ĝi atingis sian 3an eldonon. La aŭtoro respondas la sekvantajn demandojn : 1° kio estas karaktero ? 2° kiel oni formas karakteron ? 3° el kio konsistas bona karaktero ? La Esperanta stilo estas bonega kaj la libro mem havas tre belan aspekton. F. DELGARBO

---

# LASTHORAJ NOVAĴOJ

**ĤINUJO.** — La 16an de Majo okazis en Peking la ĉiujara internacia sportkonkurso inter la soldatoj de la diversaj landoj (Usono, Germanujo, Francujo, Aŭstrio, Anglujo kaj Belgujo), loĝantaj en Ĥinujo ; ĝi konsistas el diversaj ekzercoj. En tiu okazo niaj belgaj samideanoj sin tute speciale distingis. La pasintan jaron ili havis la 2an premion, sed tiun ĉi jaron ili havis la plej brilan sukceson.

Honoron al niaj viglaj gvardiistoj, kiuj, tiel malproksime de sia patrujo, fierege portas la kolorojn de nia belga kaj Esperanta standardo, ĉar ĉiuj estas samideanoj. Inter la partoprenintoj ni citu speciale S-ron DE VOGELAERE, kiu havis 4 premiojn kaj la arĝentan kalikon pro la plejmulto da personaj poentoj ; S-ron VAN SANTFORT (2 premioj) ; S-roj JACMAIN, VAN CUTSEM, VAN HAVERBERGHE kaj VELLEMANS (1 premio). Al ĉiuj niajn plej sincerajn gratulojn !

A. V.

---

(1) Eble jes, sed ĉu la ŝanĝoj proponitaj de S-ro DE SAUSSURE ne estas danĝeraj por la tiel necesa « paco kaj unueco » ? REDAKCIO.